35a jaro, n-ro 3/2008 (123)

# junamiko

DECEMBRO 2008

INTERNACIA ESPERANTO-REVUO DE ILEI POR LERNEJANOJ KAJ KOMENCANTOJ



## Ĝojplenan novan jaron 2009 !

## Sonja MacGill kiel tigro

## Ĉefpremiito de la Tutmonda Fabelkonkurso 2008 en Esperanto

# tempo

Gazeto de Kroata Esperanto-Ligo
Časopis Hrvatskog saveza za esperanto

novembro 2008
n-ro 100

Jen la Zagreba Esperanto-gazeto, kiu aperas 4-foje jare
La gazeto estis fondita en 1980




- ★ **La centa numero de Tempo akompanata de Osijeka Sonorilo**
- ★ **Vjetnama traduko de Hlapić aperis en Hanojo**
- ★ **Filozofia fakultato gastigas Esperanton novembre**
- ★ **Ĉu vi mendis Grandan Vortaron Esperanta-Kroata**

**Gratulon, kara Spomenka Štimec, redaktoro de "tempo", kies jubilean numeron vi vidas ĉi-supre.**

**Ni deziras al vi kaj al viaj legantoj en- kaj eksterlandaj pluajn sukcesojn!**

**Karaj geamikoj, kiel ĉiu-jare, ni rememoru pri la 149a naskiĝtago de Zamenhof**

# PACEMA VENTO

**Muziko: Vesa Pölkki**
**Teksto: Anja Karkiainen**






– Kial vi, ventego, venas
al ni kaj ĝeme plendas?
– Ĉar ĉi-monde min multo ĝenas!
Ĉar io tuj farendas!

– Kial vi, ventego, devas
ululi pro malŝato?
– Ĉar armilojn kruele levas
frat' kontraŭ sia frato.

– Kial vi, ventego, muĝas
ĉe niaj firmaj domoj?
– Ĉar en aĉa tendar' rifuĝas
senkulpaj povraj homoj.

– Kial do, ventego, foje
hurlado via ĉesas?
– Pro momenta plezur' survoje
mi kantas kaj karesas.

– Kion vi, ventego, ŝatas,
kaj kiam ĝojon sentas?
– Se kunulon homid' kompatas
kaj fian faron pentas.

**Memore al la 150-jara datreveno venontjare la 94a UK de Esperanto okazos en Bjalistoko, la naskiĝurbo de Zamenhof. IIK okazos samtempe en apuda urbeto**

# ENHAVO



**Sen pied-notoj JUNA AMIKO uzas la plej oftajn 1500 vort-radikojn, kiujn vi trovas en nia hejm-paĝo: *www.junaamiko.inf.hu* aŭ en *www.eo.lernu.net* .**


**Eldonanto** de JUNA AMIKO: ILEI, Riouwstr.172, NL-2585 HW Den Haag, Nederlando. **Redaktoroj**: *Stefan MacGill* (Pannónia u.30.I.6, HU-1136 Budapest, Hungario, *stefan.macgill@gmail.com*) kaj *Géza Kurucz* (Hitel u.10.fsz.16, HU-6000 Kecskemét, Hungario, *geza@banyai-kkt.sulinet.hu*) **Lingva revizianto**: *Baldur Ragnarsson* (Islando). **Kunlaborantoj**: *s-ino Saliko, Anja Karkiainen, Vesa Pölkki* (Finnlando), *Elena Nadikova* (Rusio), *Neringa Zasaite* (Litovio), *Marie-Helene Desert* (Francio), *Jadranka Mirič* (Serbio), *s-ino Saranath* (Hindio), *Bardhyl Selimi* (Albanio), *Dieter Berndt* (Germanio), *Evandro de Freitas* (Brazilo), *Elizabeta Rajtmár, Zoltán Kurucz, Monika Molnár, Judit Felszeghy, Hajnal kaj Karina MacGill* (Hungario), *Marija Belošević* (Kroatio), *Michel Nkwirikiye* (Tanzanio), *Eugenia-Ecaterina Popoviciu* (Rumanio), *José J.Campos Pacheco* (Kubo), *Jasuo Hori* (Japanio), *Gian Piero Savio* (Israelo), *Nguyen Thi Ngoc Lan* (Vjetnamio), *Eric Nsabiyumva* (Burundio). **Grafikistoj**: *Pavel Rak* (Ĉeĥio), *Monika Molnár* (Hungario). **Komputila kolora tekniko**: *János Bakk* (Hungario).

Presita kunlabore kun la **Presejo Saluton**, Budapeŝto, Hungario.

**Administranto**: *Stefan MacGill* (adreso supre)

**ISSN 0230 1318**

**La sekva numero aperos en aprilo**

*Juna amiko* en la nova jaro:

# Ni komencu ĉe la komenco!

Kiam vi ricevas novan revuon, kiun paĝon vi unue legas? Ĉu la komencan paĝon, la lastan paĝon, ĉu la mezajn aŭ aliajn? Ni supozas ke vi legas unue la komencajn paĝojn. Via opinio pri tiuj paĝoj eble helpas al vi decidi, ĉu aboni kaj regule legi tiun revuon. Tial, ni opinias, ke tre gravas kion ni prezentas en la komencaj paĝoj kaj kiel ili aspektas. Atendu do novan aspekton kaj enhavon de *Juna amiko* en la nova jaro.

Laŭ la mesaĝoj kiujn ni ricevas, niaj nunaj legantoj estas ĝenerale kontentaj pri la enhavo de la revuo. Ni ĝojas kaj ĉiam laboras por ke ĝi restu tiom bona. Sed la tasko de nia revuo estas ne nur kontentigi la nunajn legantojn, sed ankaŭ logi *novajn* legantojn. La revuo devas celi pli firme tiujn legantojn, kiujn ni *volas* altiri. Tio estas, novaj esperantistoj, kiuj eble renkontis la lingvon en la reto, aŭ en iu kurso, aŭ E-lernejo. Ili volas vidi la lingvon funkcii je komprenebla nivelo kaj ni devas doni al ili senton de sukceso. Niaj komencaj paĝoj celos prezenti ĝuste tion. Do, en la komencaj paĝoj aperos:

- Lingve simplaj eroj, pri temoj interesaj por homoj de ajna aĝo.
- Aktivigaj eroj, kiuj invitas al problemsolvado aŭ grupa aktivado.

Por plenumi tiujn principojn, de la nova jaro la du redaktoroj dividos egalece la laboron. Stefan prizorgos paĝojn 3 ĝis 27 kaj Geza de 28 ĝis 50, plus la kovrilojn. Sekve la primovadaj eroj (literaturo, historio, verdaj paĝoj k.s.) aperos en la dua parto de la revuo. Ni fidas ke niaj nunaj legantoj, kiuj ŝatas tiujn erojn, fidele foliumos la tutan revuon por trovi ilin. Legi pli pri niaj planoj en niaj retpaĝoj: en la biblioteko de lernu.net, ĉe <www.junaamiko.inf.hu> aŭ ĉe Ipernity <http://www.ipernity.com/home/47248>. Ni bonvenigas viajn reagojn pri la planoj, kaj poste pri ilia realigo.

| | 1 ekz. | Ekde 3 |
|---|---|---|
| Tarifo 1 | € 14 | po € 11 |
| Tarifo 2 | € 9 | po € 7 |

La revuo urĝe bezonas vian subtenon. Spite niajn financajn problemojn, la tarifoj por 2009 restas kiel tra la lastaj kvar jaroj. Bonvolu aboni la revuon frue por 2009 kaj instigu aliajn. Ĉiu E-familio mendu ĝin; grup-gvidantoj, klubestroj kaj instruistoj kun E-klasoj prenu grupajn abonojn – ni ja donas signifan rabaton! Perantoj en trideko da landoj akceptas abonojn, aŭ anoncu vin al la kasisto de ILEI *<sjoerd.bosga@esperanto.se>* aŭ al *<stefan.macgill@gmail.com>*.

Por certigi estontecon por *Juna amiko* kiel presata revuo, ni devas levi la abonantaron per almenaŭ 200 ekzempleroj. Modernigo de la enhavo estas unu parto de la solvo por tio: ni plenumos tion, ni ĝoje atendas viajn reagojn!

*Stefan* kaj *Geza*

# Venu por interkonatiĝi!

***Tiu ĉi paĝo-paro servas geknabojn, kiuj lernas Esperanton kaj aktivas en AKEL, LingvoLanĉilo, InterKulturo aŭ en iu alia formo, ekzemple skoltaj aŭ ĝemel-urbaj kontaktoj aŭ, simple, interesiĝas pri eksterlandaj kulturoj.***

La redaktoro *Geza Kurucz* pardonpetas du lernantojn el Kubo, nome: *Iselis Arencibia Pérez* kaj *Jaime Alberto Páez Honan* kaj unu lernejanon *Hoang Yen* el Hanojo, Vjetnamio, kies respondoj pro lia malatento ne aperis en la gazeto, sed nur en la retejo. Espereble tia misaĵo ne ripetiĝos. Pardonon!

La nunaj respondoj venis el **Serbio** (SR) de ***Aleksandra Miladinov*** (elementa lernejo „Ljuba Neŝiĉ", Zaječar), el **Pollando** (PL) de esperanta rondo "***Verdaj Papilietoj***" de urbo Gubin: *Kasia Lewak, Jakub Lewak, Radek Wystop, Andrzej Rybak, Krystian Caliński* kaj el **Hungario** (HU) de ***Georgo Veres***. Espereble, la subaj respondoj (kaj la instruistoj!) kuraĝigos plurajn legantojn, sekve la aprila numero jam enhavos ankaŭ vian kontribuaĵon. Kun scivolemo ni atendas ĝin. Ne hezitu, ekagu!

1. ***Se vi povus deziri kiel en fabelo, kio estus via unua deziro?***
   - *PL: Unujara feriado; kolekto de ludiloj – robotoj; miliono da zlotoj; rapida aŭtomobilo; mi fariĝu profesia futbalisto.*
   - *RS: Neniam plu en la mondo iu fariĝu narkomano.*
   - *HU: Mi dezirus havi feliĉan familion.*
2. ***Kiel popolano, pri kio vi estas plej fiera en via lando?***
   - *PL: Papo Jan Paweł II; Robert Kubica – konkuro Formula I.*
   - *RS: Granda sporta intereso de la popolo.*
   - *HU: Pri la inventaĵoj de niaj sciencistoj.*
3. ***Kiu olimpia ĉampiono de Pekino estis por vi la plej simpatia?***
   - *PL: Respondo ne venis..*
   - *RS: Ĉina olimpia ĉampionino Lee ludanta sur trabo.*
   - *HU: Por mi la plej simpatia ĉampiono estis la hungara naĝisto László Cseh (Ladislao Ĉe), kiu akiris 3 arĝentajn medalojn kaj estis sincere feliĉa kvazaŭ li akirus orajn medalojn.*
4. ***Kiom da amik(in)oj vi havas? Ĉu vi ŝatus havi pli?***
   - *PL: Ni havas multe da amikoj, sed ni volus pli.*
   - *RS: Mi havas multajn amikojn kaj volus havi ankoraŭ dek pli.*
   - *HU: Mi havas du bonajn amikojn kaj estus tre feliĉa, se mi povus trovi ankoraŭ kelkajn.*

*Vi (individuo aŭ grupo) devas mallonge respondi 5 demandojn kaj sendi ilin al la redaktoro ( geza@banyai-kkt.sulinet.hu ). Kunsendu 1 demandon.*

*Kun ĝojo ni akceptas ankaŭ respondojn pri la antaŭaj demandoj. Ili aperas en nia hejm-paĝo (**www.junaamiko.inf.hu**) sub titolo: Venu por interkonatiĝi! Ĝi meritas ankaŭ vian viziton.*

5. ***Kien vi vojaĝus plej volonte?***

*PL: Brazilio, Rio de Janeiro – karnavalo; Francio – ĉar mia fratino jam estis tie dum Fringoj, kaj mi ankaŭ volus; Ĉinio; Hispanio, Barcelono por partopreni en la nupto de mia onklo; Anglujo, por spekti futbalajn matĉojn de Manchester.*

*RS: Plej volonte mi vojaĝus Francion (por viziti geavojn kaj onklinon).*

*HU: Plej volonte mi vojaĝus al Japanio aŭ Vjetnamio, ĉar mi dezirus vidi ilian kulturon de proksime.*

*NOVAJ DEMANDOJ:*

1. ***Ĉirkaŭ kiom da familioj havas propran aŭtomobilon el 100 familioj?***
2. ***Ĉu vi ŝatas kaj kantas via-landajn popol-kantojn?***
3. ***Kiujn fremdajn lingvojn oni lernas ĉe vi la plej multaj homoj?***
4. ***Ĉu via familio havas dorlot-besto(j)n (hundo, kato, k.a.)?***
5. ***Ĉu multaj geknaboj (10-18-jaraj) fumas en via lando?*** *(G.Veres)*

***Ne forgesu aldoni demandon, kiu aperos en nia sekva numero.***

La respondojn sendu ĝis la **1a de marto 2009** al ***geza@banyai-kkt.sulinet.hu***

**Ĉu vi ŝatas la naturon?**

**Se via respondo estas jesa, aliĝu al la internacia movado**

# RUBAĴETON ĈIU-TAGE!

**La aliĝo estas nur formala paŝo ĉe:**

***roskaliike-subskribe@yahoogroups.com***

**Gravas, ke ĉiu-tage prenu almenaŭ unu forĵetitan rubaĵeton!**

# ĈEN-RAPORTO

Rubrikestro: Saliko, Finnlando

## Ŝako kiel saniga terapio

**Liette Lêla, Brazilo**



Bonfarto respondecas pri la tuta ekvilibro de nia vivo, kiel pri la fizika tiel ankaŭ pri la mensa statoj de la individuoj.

Celante kvietigi kaj malstreĉigi, kelkaj psikologoj indikas ŝakludon al siaj maltrankvilaj pacientoj.

Laŭ ili, ŝakludo helpas la kuracadon de deprimo kaj mensa laceco, ĉar ĝi stimulas la rezonkapablon de la paciento, regalante lin per trankvileco, ĉar ĉiu movo en la ludo portas silenton al la menso.

Alia rilato al la sano estas ke al 99% da homoj kiuj praktikas ŝakon ne disvolviĝas malsanoj kiel Alzheimer kaj Parkinson, kaj aliaj grandaj suferoj.

Nuntempe estas ankaŭ speciala ŝakterapio por tiuj, kiuj ne kapablas sukcesi en lernejoj.

Kelkaj klinikoj uzas muzikterapion kune kun la ŝako, por flegi malsanulojn. Dum la ŝakludo oni aŭdigas muzikojn klasikajn kaj modernajn, instrumentajn aŭ kantatajn. Tio igas la etoson ankoraŭ pli malstreĉa. La rezultoj estas surprizaj!

Infanoj aŭ adoleskantoj agresemaj kaj nervozaj pli bone fartas sub tiaspeca flegado, kiel ankaŭ lernantoj kiuj havas malfacilon koncentri sin sur ion, aŭ havas ne sufiĉan lern-profiton kaj apation.

Oni devas bone zorgi pri sia fizika sano, sed neniam oni forgesu sian mensan bonfarton, ĉar ĝi subtenas la san-plenan vivon. **Sana menso igas sana la korpon!**

Ŝakmaton!

*Liette Lêla, Brazilo*

Ĉiu el la subaj vortoj kaŝas en si ankaŭ alian vorton. Necesas elpreni unu solan literon por veni al solvo. Sed kiun? Trovu kaj skribu ilin sinsekve en la kvadratojn. Fine vi ricevos du frazetojn. Sendu ilin al **s-ro Dieter Berndt** (*esperanto-berndt@web.de*) ĝis 01.03.2009.

| | | |
|---|---|---|
| rango | vespero | klaso |
| ventro | kuiri | apero |
| salato | libero | pastro |
| korto | sporti | farti |
| ululi | monto | palaco |
| laŭdi | afero | |
| karoto | kosto | |
| vintro | | |

□□□□□□□□!

□□□ □□□□ □□□□□.

*adoleski:* esti en aĝo inter 9 kaj 16 jaroj / *agresi:* esti atakema / *apatio:* malbona stato de spirito, kion nenio influas / *deprimi:* malvigligi, senkuraĝigi / *ekvilibro:* egal-peza stato / *etoso:* spirita stato de medio, loko / *indiki:* montri, proponi / *instrumento:* fabrikita objekto / *klasika:* rilata al valora malnova arto / *kliniko:* kuracejo / *koncentri:* kunigi fortojn, klopodojn / *menso:* pensa, anima parto de homo / *moderna:* nuntempa / *nervoza:* maltrankvila / *paciento:* kuracato / *psikologo:* fakulo pri nefizikaj malsanoj / *regali:* bone trakti iun / *rezoni:* logike pensi, konkludi / *stimuli:* instigi, kuraĝigi / *surprizi:* trafi subite kaj neatendite / *ŝako:* mensa sport-ludo (vidu la bildon) / *terapio:* difinita kurac-rimedo

# Vulpo kaj dazipo

## Argentina fablo

La vulpo kaj la dazipo kultivis la kampon kune. La vulpo volis trompi la dazipon:
*„Ni semu kaj ni disdonos tion kion ni rikoltos. Tio, kio estas sub la tero, estos por vi, kaj tio, kio estos sur la tero, estos por mi."*
*„Tre bone"*, respondis la dazipo kaj semis terpomon.
Tiel la dazipo forprenis la terpomojn kaj la vulpo restis nur kun la folioj.

La sekvan jaron la vulpo diris: *„Ĉi-jare tio, kio estas sub la tero, estos por mi, kaj tio, kio estas sur la tero, estos por vi."*
*„Tre bone"*, diris la dazipo kaj semis rizon. Ĉe la rikolto la vulpo ricevis nur la radikojn, kaj la dazipo forprenis la spikojn kun la bona rizo.

La vulpo interne furiozis, sed hipokrite ridetis: *„Bone, venontan jaron mi ricevos tion, kion la plantoj havas sub la tero kaj ankaŭ supre en la pinto de la planto. Kaj vi ricevos tion kio estas en la mezo."*
*„Tre bone"*, diris la dazipo kaj ĉi-foje semis maizon.
La vulpo prenis la radikojn, kiuj estis sub la tero kaj la spikojn supre, sed la dazipo ricevis la flavajn grajnojn, kiuj troviĝas sub la spikoj.

Tiel la vulpo ricevis sian punon pro tio, ke ĝi volis trompi sian amikon.



*dazipo:* vidu ĝin sur la apuda bildo
*furiozi:* esti kolerega
*hipokriti:* ne montri siajn sentojn, eĉ ŝajnigi la malon
*kultivi:* kulturi teron
*spiko:* floro kaj semujo de herbecaj kreskaĵoj

Elhispanigita de *Josefo de Jesús Campos Pacheco,* Kubo

# TUTMONDA FABELKONKURSO 2008 EN ESPERANTO

**Kategorio A** (por malpli ol 9-jaraĝaj)

1. **La reveno de la ora pomo *(Sonja MacGill, Hungario)***
2. Sunbrilaĵo *(Denis Iljin, Rusio)*
3. Stulta museto *(Polina Matvejeva, Rusio)*

**Kategorio B** (por 9–10-jaraĝaj)

1. **Signoj de fantomoj *(Katarzyna Levak, Pollando)***
2. Nomo de ĉevalo *(Alicja Kraszewska, Pollando)*
3. La plej bona horloĝo *(Nikolas Mikolajewski, Pollando)*

**Kategorio C** (por 11–13-jaraĝaj)

1. **Kiam la ranoj havis felon *(Miranda Wilson, Svedio)***
2. DOR *(Daniela Undureanu, Rumanio)*

**GRUPOJ**

1. **Papilietino verda *(Alicja Cichowska, Katarzyna Lewak, Monika Mierzwiak, Andrzej Rybak, Pollando)***
2. Kolora mondo *(Jaime* kaj *Jorge Paez Honan, Kubo)*

La premion **FABELO INTERNACIA 2008** gajnis la fabelo verkita de **Sonja MacGill** (Hungario)

Jen la fabelo de *Sonja MacGill.*

# LA REVENO DE LA ORA POMO

Iam estis kunikleto, hundeto kaj katido. La kunikleto nomiĝis Fifi, la hundeto Bruno kaj la katido Keti. La kunikleto havis oran pomon, kiun ŝi ricevis de la Panjo. Unu tagon Fifi iris naĝi en lago, proksime al la familia loĝejo. Ŝi lasis la oran pomon sur la tero, apud siaj kontraŭsunaj okulvitroj. Ŝi ne tro ĝuis la naĝadon, ĉar la lago estis tre malpura. Kiam ŝi revenis al la bordo, ŝi ne trovis la oran pomon. Mankis ankaŭ la okulvitroj. Ŝi perdis do ilin. Plorante, ŝi iris hejmen kaj rakontis ĉion al la Panjo.

La postan tagon ŝi rakontis ĉion al Bruno kaj Keti. La tri amikoj konsentis serĉi ĝin. Unue, ili serĉis denove ĉe la lago-bordo. Fiŝo elsaltis el la akvo, kaj ili demandis al ĝi ĉu ĝi vidis oran pomon. Ĝi vidis ĝin, kaj ankaŭ tion, ke granda urso venis, prenis ĝin kaj foriris kun ĝi al sia kaverno. Do, la triopo serĉis tiun loĝlokon. Trovinte ĝin ĉe la flanko

de monto, ili frapis sur la pordo. Ili aŭdis bruojn de interne, io batiĝis kontraŭ iu meblo kaj graŭle blasfemetis: "Je la diablo, kial estas tiom mallume ĉi tie? Mi vidas nenion! Mi maljuniĝas – mia vidkapablo forlasas min. Atendu momenton, frapuloj, mi tuj venos!" Vere, post momento aperis la urso.

"Bonan matenon, sinjoro Urso."

"Bonan matenon. Kiuj vi estas kaj kion vi deziras?"

"Mi estas Fifi – ĉarma kunikleto, jen miaj amikoj Bruno – ĉarma hundeto, kaj Keti – ĉarma katido.

"Hmm", muĝis la urso: "Mi ne vidas tiom da ĉarmo ĉe vi."

"Eble se vi forprenus tiujn kontraŭsunajn okulvitrojn, vi vidus pli klare", sugestis Bruno.

"Fakte, viaj okulvitroj estas ĉarmaj kaj modaj, sed ne tro praktikaj en via kaverno", komentis Keti.

La urso forprenis la okulvitrojn kaj tuj ĝoje kriis: "Ha! Mia vidkapablo estas rebonigita; mi estas junulo denove!" Je tio li saltis ĝoje en eta rondo kaj ĉesis nur, kiam li batis la alian piedon ĉe alia meblo.

"Fakte", diris Fifi, "tiuj kontraŭsunaj okulvitroj ja estas ĉarmaj kaj modaj. Nur... iom tro malgrandaj por vi. Ili tre similas al la okulvitroj, kiujn mi perdis hieraŭ!"

"Hmm, perdis. Ĉu perdis? Nu, kaj..."

Fifi komparis sian grandecon kaj forton kun tiuj de la urso.

"Nenion", ŝi diris. "Mi venis por demandi ion alian."

Grandeco kaj forto ne abundis ĉe Fifi, sed kuraĝo, jes.

"Ĉu vi havas mian oran pomon?"

"Nu", respondis la urso, "mi havas pomon, kaj fakte ĝi estas ora, sed laŭ mia opinio, ĝi estas mia!"

"Vi eraras! Tiu ora pomo estas mia! Mia Panjo donacis ĝin al mi por mia tria naskiĝtago."

"Hmmm" grumblis la urso, frotante alterne sian piedon kaj mentonon: "Mi donos ĝin al vi, se vi donos al mi ion de egala valoro."

"Ekzemple?"

"Ion alian el oro – ekzemple oran fiŝon."

"Sed mi ne havas oran fiŝon."

"Do, neniu interŝanĝo."

Sed la kuniklo memoris pri la fiŝo kiun ĝi vidis en la lago. Ĝi estis ora fiŝo!

"Tamen, mi scias kie trovi oran fiŝon! Mi povos porti ĝin al vi. Ĉu vi havas loĝejon por ĝi?"

"Jes, mi havas fiŝujon – akvarion. Envenu, kaj mi montros ĝin al vi."

La tri amikoj eniris en la kavernon. Ja estis mallume, eĉ sen kontraŭsunaj okulvitroj. Sed ili vidis belan akvarion. En ĝi ili vidis du fiŝojn, unu arĝentan fiŝon kaj unu bronz-koloran fiŝon.

"Mi ŝatas fiŝojn" diris la urso: "Estas konate, ke ursoj ŝatas fiŝojn. Mi amas kaj admiras miajn fiŝojn kaj mi manĝ... manĝigas ilin ĉiutage. Sed mi ĉiam volis kompletigi mian kolekton – per aldono de ora fiŝo."

"Do, mi portos al vi oran fiŝon, kaj vi redonos al mi mian oran pomon – kaj miajn modajn okulvitrojn."

"Konsentite" diris la urso.

La tri amikoj adiaŭis al la urso kaj reiris al la lago. Ili kriis: "Fiŝo, fiŝo! Venu al la bordo!"

Post kelkaj minutoj, aperis la fiŝo. Ĝi rekonis la tri amikojn. "Saluton!" ĝi diris: "Ĉu vi sukcesis rericevi vian oran pomon?"




*Fino sekvos en la aprila numero*

*alterne:* sinsekve, laŭvice / *blasfemi:* fiparoli, malrespekte paroli pri dio aŭ diaĵo / *bronzo:* bruna valora metalo el kupro (Cu) kaj stano (Sn) / *graŭli:* koler-murmuri / *grumbli:* malkontente murmuri / *kaverno:* natura profunda subtera kavo / *komenti:* eldiri sian opinion al io dirita / *kompleta:* senmanka / *kuniklo:* long-orela mam-besto, parenca al leporo / *muĝi:* bleki kiel bovo / *sugesti:* lerte venigi ideon en ies penson / *urso:* granda forta preskaŭ senvosta mambesto

**Ankaŭ en la venonta jaro okazos**

**TUTMONDA FABELKONKURSO EN ESPERANTO**

**Atentu, detaloj pri ĝi aperos en nia aprila numero.**

**Informoj kaj fabeloj, premiitaj en antaŭaj jaroj estas legeblaj en:**

***http://www.taivalkoski.fi/paatalo-instituutti/esperanto.htm***

# El la libro de Paul Bennemann „Miru Pensu Ridu"

## Inter viroj

*„Mi volas edziĝi al bela fraŭlino kaj bona kuirulino."*
*„Tio ne eblas; ĉar tio estus bigamio."*

✱

Parolanto: *„Alkoholo pereigas nian popolon. Statistiko pruvas, ke 50% el ĉiuj krim-faroj okazas sub la influo de ebriigaj trinkaĵoj."*
Voĉo el la publiko: *„Kaj se vi malpermesos alkoholon, tiam 100% el la krimoj estos la sekvo de abstinenco."*

✱

*„Ekzistas multaj metodoj por gajni monon, sed nur unu honesta."*
*„Kaj kiu ĝi estas?"*
*„Jen ja – mi jam antaŭe sciis, ke tiun vi ne konas."*



*abstinenco:* sin-detenado de io plezuriga (ekzemple: alkoholaĵo) / *bigamio:* kontraŭleĝa stato kun du edz(in)oj / *metodo:* elprovita maniero atingi iun celon / *oportuna:* facile uzebla pro bona adaptiĝo.

## Inter virinoj

Sinjorino: *„Komprenu bone: mi deziras tre oportunajn, sed elegantajn ŝuojn."*
Vendistino: *„Mi scias sinjorina moŝto, – interne tre vastajn kaj ekstere tre malgrandajn."*

✱



*„Mia fianĉo admiras ĉion mian: mian figuron, miajn okulojn, mian hararon, mian voĉon, miajn vestojn."*
*„Kaj kion lian admiras vi?"*
*„Lian eminentan guston."*

# Bestoj vojaĝas





Se vi vojaĝos kaj neniu restos hejme, kien meti vian dorlot-beston? Ĉu iu konato prenu ĝin ĉe si, aŭ ĉu meti ĝin en besto-vartejon? Eĉ unu tago en vartejo kostas multe, kvazaŭ en hotelo.

Feliĉe, preskaŭ ĉiu finna trajno havas besto-kupeon, kie homo povas vojaĝi kun sia besto. Bileto por besto kostas 5 eŭrojn. Oni rajtas eniri nur tra la bestokupea pordo, apud kiu videblas nigra bildeto pri hundo.

En la bestokupeo vojaĝas ĉiaj dorlotbestoj: katoj, kunikloj, hundoj, musoj... Memoru, ke dum vojaĝo ĉiuj bestoj povas bezoni akvon. Se enestas pluraj hundoj, povas manki spaco por ili sur la planko. Hundo povas malŝati alian, tro proksiman, kaj tiam ĝi bojas, grumblas kaj provas ataki. Tenu ĝin firme, kiam envenas novaj vojaĝantoj. Se via hundo estas timiga, fermu ĝian faŭkon per rimeneto aŭ alia fermilo.

Katojn kutime oni metas en kaĝon por la vojaĝo, ĉar per siaj ungoj ili povas esti pli danĝeraj ol hundoj. Se la kato tremetadas, miaŭas kaj timas la vojaĝon, provu trankviligi ĝin. Karesu ĝin kaj parolu al ĝi.

En aŭtobusoj bestoj vojaĝas kiel en trajnoj, sed nur se ne enbusiĝas homo, kiu havas alergion. Taksioj kutime akceptas beston nur en la valizujo. En sia propra aŭto oni havu fortikan reton inter homaj kaj bestaj pasaĝeroj. Imagu, kio okazus, se besto saltus sur la ŝoforon aŭ malhelpus lin bremsi! Bestoj ja povas nervoziĝi kaj fariĝi malobeemaj dum la vojaĝo.

Kiam oni vojaĝas eksterlanden, bestoj kutime devas pasigi kelkan tempon en kvaranteno. Ĉu vi scias kial?

*Saliko, Finnlando*

*alergio:* troa reago de organismo kontraŭ io / *dorloti:* agi kun iu tre kareseme / *faŭko:* minaca buŝego / *grumbli:* murmuri pro malkontenteco / *kupeo:* apartigita parto de veturilo / *kvaranteno:* fermita, apartigita loko.

# Anekdotoj

de Saliko



**Bernard Shaw**, irlanda verkisto, ricevis invitilon de sinjorino, kiu deziris renkonti ĉiujn famulojn. Sur la invitilo li legis: „Sinjorino X estos hejme ĵaŭde de la 16a horo ĝis la 18a".

Rapide la verkisto resendis la invitilon kun aldono: „Same Bernard Shaw".



La fama inventisto Thomas Edison estis iom surda kaj kelk-foje li ŝajnigis sin eĉ pli surda. Kiam specialisto proponis al li kurac-metodon por plibonigi la aŭdon, li respondis sen entuziasmo:

– Mi timas, ke via metodo helpos. Pensu, kiom da nenecesaĵoj mi tiuokaze devos aŭskulti. Estas pli komforte resti surda. Lasu min!

*entuziasmo:* plena sindonemo / *inventi:* krei ion novan antaŭe ne ekzistantan / *kandelo:* simpla malnova lumigilo / *metodo:* maniero, laŭ kiu oni faras ion / *tirano:* kruela reganto.

## ARABAJ PROVERBOJ

**Lasu flanken tion, kion vi aŭdas kaj ne kredu ĉion, kion vi vidas.**
**Se reganto estas tirano, la juĝisto estas lia pendumisto.**
**Virinoj povas kaŝi sian amon kvardek jarojn, tamen ne sian malamon unu horon.**
**Se vi ne povas esti stelo en la ĉielo, estu kandelo sur la tero.**
**Kiso sen amo bruligas la lip-harojn.**
**Unu libera homo povas liberigi tutan urbon.**
**Gajeco estas varma man-premo.**

Ĵusedziniĝinte mi diris al la bopatrino: “Mia domo estas ankaŭ via domo!”

“Nu kaj?”

“En la sekva tago ŝi vendis ĝin.”

*

“Hieraŭ mi ekvidis junulinon, kaj ĉe la unua vido mi enamiĝis al ŝi.”

“Supozeble vi edziniĝos ŝin, ĉu?”

“Ne, ĉar sekvis la dua vido.”

Trampo alparolas elegantan sinjorinon, kiu preterpasas lin:

“Sinjorino, bonvolu kompati! De du tagoj mi ne manĝas!”

“Ho, Dio mia! Se mi nur havus same firman volon.”

*Saliko*

# humuro

La instruisto pri matematiko prezentas al la lernantoj problemon pri likanta krano. Li surpriziĝas, kiam post kvaronhoro Izabela donas la solvon. Li demandas:

“Izabela mia, kiel vi trovis ĉi tiun rezulton: *po 46 347 459 litrojn da akvo tage*”?

“Tio ne estas litroj da akvo, sinjoro instruisto. Tio estas la solvo de la problemo!”

“Ha! Kiel do?”

“Tio estas la telefonnumero de la tubisto.”

*kategorio:* grupo laŭ certaj, difinitaj proprecoj, ekzemple laŭ aĝo / *krano:* fermilo de tubo / *liki:* flueti, guteti / *premio:* donaco por la plej sukcesaj verkoj / *supozeble:* tre verŝajne, probable / *trampo:* malriĉega vagulo /

## INFANOJ ATENTU! ARTA KONKURSO POR VI



Ĉeĥa Esperanto-Asocio preparas internacian artan infankonkurson kun la temo FERVOJO, por du kategorioj: ĝis 10-jaraj kaj 10-15-jaraj. La limdato por la sendo de la desegnaĵoj kaj aliaj artaĵoj estos: la fino de aŭgusto 2009. La plej belajn oni premios kaj prezentos en Esperanto-muzeo ekde novembro 2009. Detalojn vi trovos en la venonta numero de Juna Amiko.

INFANKONKURSO

# LUME

## LA UNUA MIRINDA ETAĜO

# MIS VIC ULO

Jen bela ludo, kiun vi povos solvi! Via paĉjo, panjo aŭ gvidanto helpos vin! Sube ni donas al vi grupojn de kvar aŭ kvin vortoj. La vortoj staras en vicoj. Inter la vortoj en la vico (krom unu) estas io simila, io komuna. Sed en ĉiu grupo unu vorto estas malsama al la aliaj. Tiu estas la mis-vic-ulo. Legu aŭ aŭdu la vortojn. Diskutu pri ili kaj decidu, kiu estas la misviculo. Notu la komencan literon de ĉiu misviculo en la kestoj sube, en la ordo de la numeritaj vicoj. Vi ricevos sekretan finon de la kaŝ-frazo.









1. arbo, kampo, urbo, monteto, rivero.
2. numero, vorto, frazo, litero.
3. saltas, kuras, uzas, paŝas, grimpas.
4. longa, alta, larĝa, granda, nova.
5. ŝafo, bovino, elefanto, kapro, ĉevalo.
6. pasaĝero, aviadilo, stevardo, piloto, navigisto.
7. frapas, batas, tiras, parolas, ŝovas.
8. aperas, vidas, rigardas, spektas.
9. pasero, aglo, hirundo, rano, merlo.
10. forko, tranĉilo, kulero, telero.
11. lampo, elektro, televidilo, forno, radio.
12. okuloj, oreloj, nazo, manoj, piedoj.
13. parolas, diras, kantas, aŭskultas, krias.
14. kato, serpento, hundo, kuniklo, ŝafo.

Kaŝ-frazo: El inter la vortoj en la vico...

# Besta deko!

9,10 5,6





3,4

Unu, du
Bovina bru'

Tri, kvar
Kunikla par'

Kvin, ses
Kat-kares'

Sep, ok
Hunda vok'

Naŭ, dek
Kapra mek'

Bienaj bestoj en la rond'
Ĉio bona en la mond'.







7,8

1,2

Iu legos al vi la verso-parojn! Eble vi jam scias legi numerojn? Se jes, desegnu linion de la numeroj en la kadro al la ĝusta verso-paro. Desegnu liniojn de la verso ĝis la ĝusta bildo. Jen ekzemplo!

15,16

Dek kvin, dek ses,
Musoj en eksces'



Jen simpla kruc-vort-enigmo! Se vi legis la versojn sur la antaŭa paĝo, ĝi estos TRE simpla! Vi trovos la vortojn, kiujn vi bezonas en la versaĵo. Petu al iu pli granda ol vi legi la help-frazojn de la enigmo kun iliaj numeroj. Serĉu la numerojn en la krado, trovu la solvojn kaj skribu ilin en la kvadratetoj – ĉiu kvadrateto rajtas enhavi unu literon.

# BESTA ENIGMO!



**Horizontale →**

1. Venas sovaĝa besto! Rapide _____ vin, por ke ĝi ne vidu vin! (4)
6. Heliko, muŝo kaj abelo estas _____grandaj bestoj. (3)
7. Kvar-pieda besto, kiu trinkas lakton kaj ŝatas manĝi fiŝojn kaj ĉasas musojn kaj birdojn (sed malofte kaptas ilin!). Homoj ŝatas karesi ĉi tiujn dom-bestojn. Ili miaŭas kaj ronronas. (radiko: 3)
8. Piedo de ĉevalo aŭ kamelo aŭ zebro.
9. Vic-prezidanto (mallongigo: 2)

10. Etaj kvar-piedaj bestoj kun longaj vostoj. Ili pepetas kaj ŝatas manĝi fromaĝon kaj timas katojn. (5)
12. Du-piedan beston. Ĝi pepas aŭ grakas, plej kutime povas flugi kaj ŝatas manĝi vermojn kaj berojn. (6)
13. Granda kvar-pieda besto, kiu muĝas kaj vivas sur farm-bienoj kaj ŝatas manĝi herbon aŭ fojnon. Ĝi donas al ni lakton. (6)
14. Nokta Dormo (mallongigo: 2)
15. Valora metalo, uzata por la medalo por la gajnanto de unua loko en olimpika konkurso. (radiko: 2)
16. La bebo aŭ infano de besto aŭ homo. (3)
17. Mez-grandaj kvar-piedaj bestoj kiuj vivas ĉefe en la kamparo, dormas en tunelaj truoj kaj ŝatas manĝi herbon kaj karotojn. (8)
21. Kiam grupo de svisaj bovinoj pasas, la rezulto estas tre _______ (6)
22. Leono-beboj, kiuj naskiĝis antaŭ unu monato, estas tre _____. (6)

## Vertikale ↓

2. Diris testudino al vira testudo: "Mi ___ vin, se vi estus pli rapida!" (4)
3. Kvar-pieda besto kiu vivas sur farm-bienoj kaj montoj. Ĝi manĝas herbon, blekas, kaj donas al ni lanon. Estas multaj (60 milionoj) en Nov-Zelando. (4)
4. Personoj aŭ bestoj. La personoj, kiuj vivas en farm-domo estas bien_____. (4)
5. Kvar-pieda besto kiu foje vivas en farm-bienoj, sed pli ofte vivas sovaĝe en rokaj montaroj. Ĝi mekas kaj manĝas herbon, arbustojn, legomojn, fruktojn, ŝuojn, ĉapojn, lad-skatolojn, poŝ-telefonojn...
7. _____ , ses, kat-kares'.
8. Kvar-piedaj bestoj, kiuj vivas en domoj aŭ en farm-bienoj. Ili bojas kaj tre ŝatas manĝi viandon kaj ostojn (vidu la bildojn). (6)
10. Bienaj bestoj en la rondo, Ĉio bona en la _______. Nia planedo. (5)
11. Kvar-piedaj bestoj, kiuj vivas sur farm-bienoj. Ili gruntas. Ni ricevas de ili diversajn viandaĵojn – ŝinkon, lardon, kolbasojn, kotletojn. (6)
12. Farmon. Lokon, kie oni tenas bestojn grupe, por ricevi de ili lanon, lakton, viandon, kaj tiel plu. (6)
13. La panjo de via edzino estas via ___-patrino. (2)
16. Oni beligas la felon de kato aŭ hundo per komb__o. (2)
18. ____ , du, bovina bru'. (3)

19. Oni melkas bovinojn dufoje tage. En la ____ vojo ili estas plenaj je lakto; en la revena vojo ili estas malplenaj. (3)
20. Katoj ___ hundoj estas popularaj dom-bestoj. (3)

---------------------------------

Ligu la besto-nomojn kun la bildoj kaj kun iliaj sonoj:

siblas



bojas

leono

kapro

ŝafo







trumpetas



mekas

hundo

roras

porko

pepas

bovino

henas

serpento

elefanto

silentas

ĉevalo



muĝas





kato

blekas





ĝirafo

miaŭas





birdo

gruntas

Rubrikestro:
Mónika
Molnár

# Logikonoj



Saluton! Ĉu vi sukcesis solvi la Logikonon de Timemulido? Se jes, via kradaro devas aspekti jene:






Vi gajnis! La desegno montras al ni la beston, kiu sekvis Timemulidon. Jes, vi pravas! Estis hundo, eble eĉ hundido, sed ĉiukaze hundeto. Ĉu li prave timis ĝin? Ne, certe ne, ja ĝi aspektas tute paca hundeto, kiu verŝajne volis nur ludi kun Timemulido.

Por helpi Timemulidon ni devis lerni kiel solvi „logikonon", kaj tio donis ideon al kelkaj niaj amikoj por fabriki proprajn „logikonojn".

Ili ekhavis emon transdoni al vi la fruktojn de sia laboro, do jen la novaj logikonoj, kiujn vi trovos de la plej facila ĝis la plej kapo-rompa.

Skribu al ni, kion vi trovis en la kradaroj! Lud-regulojn vi legos en LUDE, en nia antaŭa numero. Bonan laboron kaj bonan amuziĝon!

**Nivelo 1 - Logikono de Ĵonatano**

| | 1 | 1 1 | 2 1 1 | 10 | 2 1 1 | 1 1 | 1 |
|---|---|---|---|---|---|---|---|
| 1 | | | | | | | |
| 3 | | | | | | | |
| 3 | | | | | | | |
| 1 | | | | | | | |
| 7 | | | | | | | |
| 1 | | | | | | | |
| 1 | | | | | | | |
| 1 | | | | | | | |
| 5 | | | | | | | |
| 1 | | | | | | | |

**Nivelo 2 - Logikono de Hugo**

| | 8 | 1 2 1 | 1 3 1 | 4 1 1 | 4 1 1 | 1 3 1 | 1 2 1 | 8 |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| 8 | | | | | | | | |
| 1 2 1 | | | | | | | | |
| 1 2 1 | | | | | | | | |
| 8 | | | | | | | | |
| 3 3 | | | | | | | | |
| 1 4 1 | | | | | | | | |
| 1 1 | | | | | | | | |
| 8 | | | | | | | | |



**Nivelo 3 - Logikono de Saŝo**

| | 2 | 2 | 3 | 13 | 10 | 3 | 3 | 3 | 3 | 3 | 3 | 7 | 1 |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| 1 1 | | | | | | | | | | | | | |
| 5 | | | | | | | | | | | | | |
| 5 | | | | | | | | | | | | | |
| 2 | | | | | | | | | | | | | |
| 2 | | | | | | | | | | | | | |
| 2 | | | | | | | | | | | | | |
| 2 | | | | | | | | | | | | | |
| 10 | | | | | | | | | | | | | |
| 9 | | | | | | | | | | | | | |
| 9 | | | | | | | | | | | | | |
| 1 1 | | | | | | | | | | | | | |
| 1 1 | | | | | | | | | | | | | |
| 1 1 | | | | | | | | | | | | | |
| 1 1 | | | | | | | | | | | | | |



## Nivelo 4 - Logikono de Benĵameno



| | 1 | 1 1 | 1 1 3 | 3 1 1 | 7 | 7 | 3 1 1 | 1 1 3 | 1 1 | 1 |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| 2 2 | | | | | | | | | | |
| 4 | | | | | | | | | | |
| 4 | | | | | | | | | | |
| 2 | | | | | | | | | | |
| 10 | | | | | | | | | | |
| 2 | | | | | | | | | | |
| 2 | | | | | | | | | | |
| 6 | | | | | | | | | | |
| 1 1 | | | | | | | | | | |
| 2 2 | | | | | | | | | | |






EMIL ERNI
Sur la planedo Kvang Erni psiko-analizas la dekstran kapon (videbla maldesktre) de la zbruga liveristo, dum Emil instruas al la maldekstra kapo (videbla dekstre) la delikatan arton de tempo-vojaĝado.
Vi devas revoki viajn memorojn kaj rekoni viajn sentojn...
Unue, oni movas la stangon al la dezirata tempo-punkto. Por elekti plene hazardan ekzemplon.. 2008.
1887
1998
2008
Efektive, paroli pri dekstro kaj maldekstro rilate al zbrugaj kapoj apenaŭ havas sencon. La heroa paro ja estas migrantaj instruistoj, do ili konstante paŝas kaj interŝanĝas lokojn dum la instruado / kuracado. Ilia eskapo-plano ja dependas de maksimume konfuzita zbrugo.
Ĉu vi sekvas?
Atendu, ne postlasu min...
Apenaŭ. Tiom longa mia nuko ne estas. Aŭŭ! Unu okulo postrestas.
Poste mi malfermas la pordon tiel.
Hmm. Sentoj de fremdiĝo. Tipa simptomo!
Okulo tri mokas okulon unu – tiun kiu postrestis kaj pro tio nodiĝis.
Kiom amuze vi aspektas!
Mi ne vidas ion ajn amuzan en tio! Fakte, mi ne vidas ion ajn, entute...
Mi aŭdis pri homoj kun ridetantaj okuloj – sed ĉi tio estas absurda!




## VORTKLARIGOJ

*psik-analizi:* esplori kaj kuraci per interparolo
*nuko*: korpoparto inter kapo kaj korpo
*simptomo:* signo de malsano
*deprimiĝo:* profunda malĝojo
*centrifugo:* sekiga parto de lav-maŝino kiu rapide rondiras
*korelativoj:* grupo de rilatataj vortetoj, ekz. kio, kiu, kie, kia, kiel, kial, kies, kiam, kiom, iu, tiu, ĉiu, neniu...


Ili eskapas for de Kvang - la planedo de zorgaj ŝoforoj kaj konfuzitaj liveristoj.
1887
1917
1998
2008
3008
• sap
• resap
• retra
cent
...ajnan butonon...
...krom la centrifugan!!!!!!
La timo de la orelo de Erni pri troa proksimiĝo de la piedo de Emil estas plene pravigita.
Ankaŭ mi!
Mi esperas ke ni baldaŭ alvenos...
Kion vi diris?
Ha, forgesu!
La sekvo portas tute novan dimension al la termino 'rond-vojaĝo':
L
P
E
U
H
!!!!
• jaj
• joj
• juj
Ĉu vi vidas ion?
Pontegon super akvo. Kaj nebulon.
Mi jam havas pli ol sufiĉan nebulon en mia kapo. Samo validas pri piedfingro kaj orelo..
Post la alveno la vojaĝintoj estas ja admirinde sekaj, sed eĉ pli konfuzitaj ol la zbruga liveristo. La studentoj ĉe la alteriga loko estas same konfuzitaj.
1998
NASK
Ve! Ankoraŭ unu leciono pri korelativoj!
Ni jam studis tion hieraŭ. Fujj! Bah!
Kie?
Kiom?
Kial?
Kio?
Kiel?
Kiuj?
1887
1917
• celo atingita!
Kiam?
Kia?
Kies?

# Interkultura mondo

**Rubrikestro:** Elena Nadikova,
E-klubo „Betuleto",
Lernejo/Ŝkola 56,
pr. Traktorostroitelej, 38
RU-428028 Ĉeboksari, Rusio.

Saluton, karaj legantoj! La plej korajn bondezirojn al ĉiuj okaze de Kristnasko kaj Novjarfesto! Ni kun plezuro gratulas vin kaj rapidas antaŭsciigi: ĉi-numere vin atendas la plej ekstrema eldono de 'Interkultura mondo'! Ni malsupreniĝos… sur la fundon de la Nigra maro. Jes-jes, vi ne misaŭdis! Nin atendas vera subakviĝo kun oksigenujoj, naĝ-ŝuoj kaj aliaj necesaj ekipaĵoj.

Sed komence ni translokiĝos sur la duoninsulon Krimeo – la sudan pinton de Ukrainio. Tie, en julio 2008 okazis *IET – Internaciaj esperanto-tagnoktoj*, la unua komuna ukrainia-rusia esperanta aranĝo. La loko por la renkontiĝo estis elektita tre sukcese. Tarĥankut, la plej okcidenta parto de Krimeo, estas unu el la lastaj anguletoj de krimea naturo, ne kripligitaj per civilizacio.



Ĝin eblas nomi la limo de du mondoj: sunbruligita ŝtonoza stepo, kiu abrupte finiĝas je krutaj rokoj, kaj diafane-smeralda maro kun grotoj kaj golfetoj, en kiuj la mara fundo videblas tra 14 metroj da akvo.

La ideo okazigi internaciajn nigro-marajn E-renkontiĝojn apartenas al la prezidanto de jalta E-klubo 'Tero', Jefim Zajdman. Multaj esperantistoj, certe, scias tiun nomon danke al la alia fama E-aranĝo – 'Velura Sezono', kiu ankaŭ estas amata kaj populara.

"Ni kunas!" – tiel sonas la devizo de la renkontiĝo. IET kunigis 180 esperantistojn el dek unu eŭropaj landoj. La programo de IET inkluzivis, kiel kutime, plur-nivelajn kursojn de Esperanto, prelegojn, koncertojn, teatraĵetojn, vesperojn de diversaj kulturoj, renkontiĝoj kun



interesaj homoj, ekskursoj, kantoj apud lignofajroj ktp. Sed la plej bonega kaj neordinara aranĝo de IET, sendube, iĝis malfermo de Esperanto-aleo sur la fundo de la Nigra maro.

Tiu evento havas sian antaŭhistorion. Tarĥankut, krom belega sovaĝa naturo, havas kelkajn rimarkindaĵojn. Unu el ili estas unika subakva muzeo, kiu situas je profundo de 12 metroj. Ĝia ideo apartenas al plonĝisto el Doneck (Ukrainio), Vladimir Borumenskij, kiu en 1992 fiksis buston de Lenin inter la subakvaj rokoj. La ideo tiel ekplaĉis, ke al li aliĝis amaso da plonĝistoj el aliaj urboj, kiuj komencis serĉi kaj subakvigi bustojn. Tiel aperis 'Aleo de bolŝevikoj' kaj poste 'Aleo de elstaraj homoj'.

En la 8-a de julio okazis ekskurso al Granda Atleŝ. Tio estas grupo de pitoreskaj 40-metraj ĉebordaj kalkŝtonaj masivoj kun kavernoj kaj grotoj. Ĝuste tie situas la plonĝista klubo 'Afallina' kaj tiu subakva muzeo de skulptaĵoj. Akompanata per ravaj ekkrioj de la spektantoj la teamo de plonĝistoj sub gvido de majstro de sporto, Irina Petrova, starigis sur la fundo de la Nigra maro du bustojn, ligitajn kun la historio de Esperanto. La buston de la kreinto de la Internacia lingvo L. Zamenhof kaj la buston de V. Eroŝenko. (Pri li – mirinda homo, blinda vojaĝanto, verkisto kaj muzikisto – iam rakontis la revuo *Kontakto*, vidu nro-n 204 el 2004).



Tiel en la mondo aperis

## *subakva Esperanto-aleo*.

Gratulojn al ĝiaj fondintoj! Nun Esperanto disvastiĝis ne nur sur Tero, sed ankaŭ sub akvo. Eble, iam ĝi iĝos Universa lingvo? La organizantoj kaj partoprenantoj de IET ne dubas! Ja ĉiuj nun kutimaj inventaĵoj iam ekzistis nur en revoj kaj en la plej kuraĝaj fantaziaj romanoj. Sekvontjare oni planas evoluigi la Esperanto-aleon per busto de LeoTolstoj. Li estis unu el la unuaj

adeptoj de la Internacia Lingvo kaj honora membro de la E-Unio de Rusio. Eble, iu el la legantoj ankaŭ ekvolos eternigi siajn eminentajn homojn en tiu subakva Esperanto-aleo? Sur la foto vi vidas partoprenantojn de IET kune kun la du bustoj antaŭ la ekiro.



Tiel solene finiĝis la unua ukrainia-rusia E-renkontiĝo. Esperantistoj montris sin en avangardo de la frata interpopola amikeco. Ni vidis, ke ili vere kunis.

Kaj ni ankaŭ povas diri: "Ni **kunas** kaj **Esperanto** kunigas nin!"

***Tiuj bonegaj vortoj estu la bondeziro de 'Interkultura mondo' por la nova jaro 2009 al ĉiuj niaj legantoj!***

*(Nia rubriko esprimas koran dankon al Jefim Zajdman, pro la disponigitaj materialoj.)*

**KVINO KVIZO**

Stefan MacGill

**Legu la rakonton, (eventuale kovru la tekston) kaj respondu la kvin kvizo-demandojn. Kontrolu viajn respondojn kaj kalkulu viajn poentojn!**

# Urso-ĉaso!

Du malamikaj spionoj iras al arbaro, ĉar ili ambaŭ aŭdis, ke la alia spiono iris tien. La spionoj oponas unu la alian. Unu venas de Espion, alia de Vespion. Espion estas la Esperanta spionservo, Vespion la Volapuka. Eble vi ne aŭdis pri ili – nu, ili estas sekretaj



– tial! Sekretaj aŭ ne, la du spionoj vidas unu la alian. Sed, ve, en la sama momento, ili vidas grandegan kaj sovaĝan urson. Ili ambaŭ kriegas kaj ektimas. La urso ekĉasas la du spionojn; ili forkuras, sed la urso kuras pli rapide.Ĝi venas pli kaj pli proksimen al ili. Subite la spiono de Espion havas bonan ideon. Tiu estas nia amiko 005. Li haltas, forprenas sian dorso-sakon, siajn stratajn ŝuojn (kun la enkonstruita telefono en la dekstra ŝuo), prenas el la dorso-sako kur-ŝuojn kaj surmetas ilin. Ili ekkuras denove. La alia spiono, Vilĉjo, estas surprizita kiam 005 komencas preterpasi lin, kaj demandas al li: "Kial vi surmetis kur-ŝuojn? Tio ne povas esti utila. Certe vi ne kredas ke per tiuj ŝuoj vi povos kuri pli rapide ol urso?"

"Nature, ne!" respondas 005: "Sed mi almenaŭ ja povos kuri pli rapide ol ***vi*** *!*"

## ❶ Tasko unu: via sumo el ok (8) poentoj: ☐

*Ĉu la sekvaj frazoj estas veraj, malveraj, aŭ ĉu el la rakonto ni ne povas scii ĉu vera aŭ malvera?*

1. Spiono 005 iras al la arbaro por renkonti sian amikinon Sonja.
2. Strata ŝuo de spiono 005 havas enkonstruitan telefonon.
3. Strata ŝuo de la volapuka spiono havas enkonstruitan telefonon.
4. 005 tenis siajn sport-ŝuojn en dorso-sako.
5. La spiono de Vespion komencis preterpasi la esperanto-spionon.
6. La dua spiono laboras por la idistoj.
7. 005 kredis ke per sport-ŝuoj li povos kuri pli rapide ol la urso.
8. La du spion-ĉefoj sendis la du spionojn en la arbaron.

## ❷ Tasko du: via sumo el dek kvar (14) poentoj: ☐

*Solvu la kruc-vort-enigmon pri la rakonto. Poste skribu literojn el la enigmo en la kestoj por fini nian kaŝ-frazon. La numeroj sub la kestoj*

*montras kiun literon vi skribu. Ni donacas al vi unu literon: 'F'. Ricevu unu poenton por ĉiu ĝuste plenigita kesto.*









## Horizontale (→)

1. Agento. Unu _____ laboras por Esperanto kaj alia por Volapuko. (5)
4. 005 prenas sportan ŝuon ___ sia dorso-sako. (2)
5 Sporta pied-kovrilo. Spiono 005 pensas: "Mi povos savi min per _______. (3-3)
8 Raportita Nenormalaĵo (mallongigo –2)
9 La dua kuranto rapidiĝas kaj komencas preterkuri la unuan. "Lasu al mi _______!" li kiras. (2-4).
12. Grupo de homoj kiuj vivas kune – ekzemple amerikaj indianoj. (5)
13. Cerba inspiro. "Ha! Jen bona _____o!" (3 – nur radiko)
14. Iumaniere. "Hmm." pensas 005: "Mi devas____ travivi!"

## Vertikale (↓)

1. La du personoj en la rakonto estas _________aj agentoj. (6 – R)
2. Dum ankoraŭ pli da tempo. "Ha! Mi ne ____ timas!"
3. Kontraŭbatali. Espion kaj Vespion devas ________ unu la alian. (5)

6. Tiu sovaĝa besto povas kuri _____ - certe 20 kilometrojn hore. (6)
7. Granda arbara besto. La du agentoj timas pro la ________. (4)
10. Laŭte uzi la voĉon. La agento vidis la bestegon kaj komencis _______. (4)
11. Insekto kiu kreas mielon, kiun ŝatas manĝi la bestego en nia rakonto. (4 – nur la radiko; sen la o-finaĵo)

*Nun kompletigu la kaŝ-frazon!*

La dua agento, sen sia sporta helpilo, estas en....

| ☐ | ☐ | ☐ | ☐ | ☐ | ☐ | ☐ | ☐ | F | ☐ | | ☐ | ☐ | ☐ | ☐ | ☐ |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| 5 | 11 | 12 | 11 | 1 | 12 | 8 | 3 | | 11 | | 6 | 14 | 1 | 10 | 3 |

## ❸ Tasko tri: via sumo el ok (8) poentoj: ☐

*Parigu la ok fraz-komencojn kun la ok fraz-finoj:*

1. La du spionoj iris al la arbaro, ĉar...
2. La du spionoj ekkriis, kiam...
3. La du spionoj kuris, ĉar...
4. La spiono 005 ne ŝatas la alian spionon, ĉar...
5. Eble vi ne aŭdis pri Espion kaj Vespion, ĉar...
6. La du spionoj ege timas, ĉar...
7. La spiono de Vespion estis surprizita, ĉar...
8. Spiono 005 estis lerta, ĉar...








**A:** ...li subtenas Volapukon.
**B:** ...la alia spiono haltis por ŝanĝi siajn ŝuojn.
**C:** ...ili estas sekretaj organizaĵoj.
**Ĉ:** ...li komprenis, ke sufiĉas kuri pli rapide ol la alia spiono.
**D:** ...ili serĉis unu la alian.
**E:** ...urso ĉasis ilin.
**F:** ...ursoj kapablas kuri pli rapide ol spionoj.
**G:** ...ili ambaŭ ekvidis la urson.

## ❹ Tasko kvar: via sumo el dek (10) poentoj: □

*Jen dek vortoj el la rakonto. Sed la literoj estas miksitaj. Malkovru, kiu estas la kaŝita vorto. Ekzemplo: OPONIS = SPIONO Skribu ilin kaj notu iliajn komenc-literojn. Skribu ilin en la donita ordo en la kestoj sube.*

1. R O K U Ŝ U
2. S A P O N O
3. T R U E N A
4. S A K R E D
5. S O R U
6. S E P S D R O N A
7. M U S R A S T E
8. A L T I U
9. I D E P A R
10. T R I P R U Z A S

Jen rima priskribo de la besto en la rakonto, kiu provas kuri pli rapide ol ĉiu ajn alia:

□□□□□□□-□□□'

## ❺ Tasko kvin: via sumo el dek (10) poentoj: □

*Respondu la demandojn.*

1. Kiuj bestoj povas kuri pli rapide ol urso?
2. Kiuj birdoj povas flugi pli bone ol kivio?
3. Kiuj bestoj povas kuri pli rapide ol gepardo?
4. Kiuj el viaj amikoj aŭ grupanoj povas naĝi pli longe ol vi?
5. Kiuj en via familio aŭ grupo povas kanti pli bele ol vi?
6. Kiuj bestoj povas salti pli alte ol ŝafo?
7. Kiuj el viaj amikoj aŭ grupanoj povas danci pli elegante ol vi?
8. Kiuj bestoj estas pli danĝeraj ol ursoj?
9. Kiuj bestoj estas pli amindaj ol pando?
10. Kiuj el viaj amikoj aŭ grupanoj povas manĝi pli dece ol porko?

*La ĝustaj respondoj aperos en numero 2009/1 de nia revuo. Se vi estas senpacienca, rigardu pli frue en www.lernu.net. Iru al la biblioteko kaj elektu la ligon al* Juna amiko. *Vi trovos ekde febuaro 2009 la respondojn. Via rezulto:*

| | | | | | | | | | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| □ | + | □ | + | □ | + | □ | + | □ | = | □ | x2 = | □ | % |
| el 8 | | el 14 | | el 8 | | el 10 | | el 10 | | el 50 | | duobligu tion por procentaĵo! | |

**NIA KULTURA HEREDAĴO**

*En tiu ĉi rubriko vi trovas bildojn el la Esperanta literatura heredaĵo dank' al la plumo de nia fidela amiko, elstara islanda poeto, Baldur RAGNARSSON. Konsciu, ke sen bazaj scioj pri nia historio kaj literaturo oni ne povas fariĝi cel-konscia esperantisto, sukcesa pledanto por nia nobla ideo. (Red.)*

## BILDOJ EL LA HISTORIO

## 27 Tibor Sekelj *(1912-1988)*

Klare restas en mia memoro mia sola renkontiĝo kun la homo, kiun mi prezentas al vi nun, ***Tibor Sekelj***, esploristo, mondvojaĝanto, verkisto, poeto, homo de eksterordinaraj spertoj kaj scioj, homo malavara je siaj konoj serve al scivolemaj legantoj. Estis en vespero en preskaŭ malplena manĝosalono dum Universala Kongreso de Esperanto en Brazilio, la ĉefurbo de Brazilo, en 1981, ni sidis apud granda tablo kun kelkaj brazilaj junuloj, kiuj vigle sekvis nian interparoladon, al kiu Tibor kontribuis per intereskaptaj rakontoj kaj sagacaj komentoj pri plej diversaj temoj. Poste li demandis min, ĉu mi akceptus tralegi lian manuskripton de tradukoj el la buŝa poezio de la mondo; temis pri poemoj, kiujn li kolektis dum siaj vojaĝoj en foraj lokoj de ĉiuj kontinentoj. Jes, mi ja estis pretema tion fari, kaj en la posta jaro li sendis al mi la manuskripton, kiun mi tralegis kaj iom prilaboris koncerne ritmon kaj aranĝon, laŭ lia peto. Tiu libro poste aperis en 1983 sub la titolo *Elpafu la sagon*. La titolo rekte rilatas al poemo, kiun ja verkis Tibor mem kiel enkondukon al la libro, tamen sub pseŭdonimo, al li donita dum lia restado kun certa tribo en la Amazonia ĝangalo. La poeto alparolas bravan ĉasiston: Elpafu la sagon, sed ne por mortigi aŭ por vundi, sed

*Elpafu la sagon direkten al fora stelo,*
*ke ĝi disŝutiĝu en mil fajrerojn,*
*ke ĝi lumigu la vojon al ĉiu*
*kiu vagas ĉi-nokte.*
*Ke ĝi alportu momenton de belo*
*en la nokton de tiuj kiuj malgajas.*

Ĉar Tibor Sekelj estis amiko de homoj. Tion bele atestas liaj rakontoj kaj libroj pri liaj kontaktoj kun popoloj sur la plej diversaj ŝtupoj de kultura evoluo en la plej diversaj cirkonstancoj, lia partopreno en ilia ĉiutaga vivo, lia lernado de iliaj lingvoj por ekscii senpere ion pri ilia spirita vivo.

# LITERATURO DE LA ESPERANTA

Tibor Sekelj naskiĝis en Spišská Sobota, vilaĝo tujproksime al la urbo Poprad en nuntempa Slovakio. La familio ofte transmoviĝis al aliaj lokoj, al Rumanio, al Vojvodino en Serbio, kie Tibor finis la elementan lernejon, al Nikšić en Montenegro, kie li finis la gimnazion, poste al Zagreb kie li finis universitatajn studojn pri juro. En Zagreb Tibor laboris kiel ĵurnalisto, sed en 1939 li iris al Argentino, kaj la sekvantajn 15 jarojn li restis en Sud-Ameriko kiel vojaĝanto kaj esploristo. Li revenis al Jugoslavio en 1954 kaj loĝis en Beogrado. Lia esploremo tamen ne forlasis lin kaj li multe vojaĝis en la sekvantaj jaroj. En 1972 li ekloĝis en la urbo Subotica en Vojvodino, kie li laboris kiel direktoro de muzeo ĝis sia morto en 1988.

Tibor lernis Esperanton en 1929 kaj verkis multajn librojn en la internacia lingvo, sed ankaŭ en la hispana kaj la serbokroata. Plej multaj liaj libroj priskribas liajn vojaĝojn kaj esplorojn en diversaj landoj. Inter tiuj estas *Tempesto super Akonkagvo, Tra la Brazila praarbaro* kaj *Nepalo malfermas la pordon,* libroj riĉaj je ekscitaj eventoj kaj akraj observoj, verkitaj en flua Esperanta stilo. En 1981 aperis lia *Mondo de travivaĵoj*, kiu enhavas ankaŭ mallongan membiografion, "anstataŭ antaŭparolo". Kaj ĉar Tibor estis ankaŭ poeto, li prezentas la libron per poemo, kie li priskribas la mondon kiel sian bienon, kiun li devas atenti kaj vidi, ĉu ĝi ankoraŭ funkcias, kiel ĝi devas:

*Ĉar perfektan ordon en mia farmo*
*mi postulas:*
*la suno dumtage laboru, kaj la*
*steloj briletu dumnokte,*
*la riveroj al la maro fluadu, kaj la*
*montoj restu surloke.*

"Ĉiuj vojoj de la mondo al mi apartenas", li ankaŭ diras. Tibor Sekelj ne estis ia ordinara mondvojaĝanto, la tuta mondo estis lia bieno, lia posedaĵo, lia hejmo.

*

La vojaĝlibroj de Tibor Sekelj estas unikaj en la literaturo de Esperanto, ne nur pro sia aŭtentikeco kiel klasikaj informiloj, sed ankaŭ pro sia lingva kaj stila prezento, kiu altvalorigas ilin ĉe ĉiu amanto de la internacia lingvo.

# Kiu estas vera amiko?



Antaŭlonge vivis homo, kiu nomiĝis Kamaramazinda. Li estis tre riĉa kaj havis tri bonajn amikojn. Iun tagon Kamaramazinda preparis tradician bieron, invitis la najbarojn kaj siajn bonajn amikojn. Ili ĝojis, trinkis kaj kiam ili plene satiĝis, unu el la tri bonaj amikoj leviĝis kaj diris:

„Kamaramazinda, mi amegas vin plej sincere. Mi estus preta morti por vi, se io malbona okazus al vi. Por pravigi mian parolon, mi donacas al vi la bovidon Bigeni."

Ĉiuj ĉeestantoj gratulis al li pro liaj korvarmaj vortoj.

Post kelkaj tagoj Kamaramazinda diris al sia edzino:

„Mi deziras testi tiujn amikojn por bone scii, kiuj el ili vere helpos min, kiam mi havos gravajn problemojn."

Li elpensis mensogon, dirante ke la reĝo lin alvokis kaj petis liajn koramikojn akompani lin. En la burundia kulturo estis tre danĝere, kiam la reĝo alvokis iun. La alvokito riskis perdi sian tutan riĉaĵon, eĉ la morto estis ebla.

Vespere li iris al sia unua amiko, al tiu, kiu donacis al li bovidon. La familiestro malfermis la pordon kaj bon-venigis lin en la domon, sed tiu rifuzis la inviton kaj kun profunda bedaŭro diris:

„Karega mia, mi tro riskas. La reĝo alvokis min kaj ŝajnas, ke estas ia grava kaj danĝera afero, vera aferego. Mi ne scias, kion malbonuloj parolaĉis pri mi ĉe la reĝo. Dio de Burundio! Homoj estas malbonegaj. Karega mia, ĉu vi akompanos min morgaŭ matene al la reĝa palaco?"

La homo – aŭdinte, ke li devus akompani homon, kiu tuj perdos sian tutan riĉaĵon aŭ kiu tuj mortos – ektimis suferi eble la saman sorton, kaj ekserĉis pretekston por ne akompani Kamaramazinda al la reĝa palaco. Li pensis tre longe kaj finfine diris:

„Mi bedaŭras, sed mia edzino ne estas hejme kaj mi ne povas lasi la infanojn solaj en la domo. Bonvolu do iri al alia amiko". Li jam forgesis, kion li diris dum la festeno, pri kio li ĵuris antaŭ la homoj. Kamaramazinda jam komprenis ĉion, kaj ekiris al la dua amiko. Kiam li alvenis, oni bonvenigis lin kaj demandis, kio igis lin veni dum la nokto.

„Karega mia, mi tro riskas. La reĝo alvokis min kaj ŝajnas, ke estas ia grava kaj danĝera afero, vera aferego. Mi ne scias, kion malbonuloj parolaĉis pri mi ĉe la reĝo. Dio de Burundio! Homoj

estas malbonegaj. Karega mia, ĉu vi akompanos min morgaŭ matene al la reĝa palaco?"

Ankaŭ tiu homo ektimis. Li silentiĝis kaj longe meditis kiel rifuzi la petitan servon, kaj fine li diris:

„Mi bonvolus akcepti vian peton, tamen mi respondas: ne, ĉar la edzino, kiu gardus mian domon kaj la infanojn, jam iris ien festeni, do nun mi ne povas vin akompani."

Kamaramazinda diris al si: „Mi vin malkovris".

Alveninte al la tria amiko, li ripetas la saman aferon:

„Karega mia, mi tro riskas. La reĝo alvokis min kaj ŝajnas, ke estas ia grava kaj danĝera afero. Mi ne scias, kion malbonuloj parolaĉis pri mi ĉe la reĝo. Dio de Burundio! Homoj estas malbonegaj. Karega mia, ĉu vi akompanos min matene al la reĝa palaco?"

Tiu ĉi homo rapide komprenis la problemon kaj petis kelkajn minutojn por adiaŭi siajn familianojn kaj informi ilin , kien li tuj iros. Poste ili iris pasigi la nokton ĉe Kamaramazinda, por ke morgaŭ frue matene ili kuniru al la reĝa palaco. Kiam ili alvenis, Kamaramazinda rakontis al sia amiko, kio okazis ĉe la aliaj amikoj. La amiko ege miris dirante: „La vortoj ne ĉiam estas faroj! Ne estas mi, kiu povas perei, sed tiuj du homoj, kiuj ne konscias la valoron de amikeco."

Ekde tiu tempo tiuj du homoj fariĝis veraj koramikoj.

Trad.: *Eric Nsabiyumva, Burundio*

## MATEMATIKA PARADOKSAĴO

Turisto troviĝas en urbo A aŭ B. Li estis informita, ke la loĝantoj de A ĉiam diras la veron, dum tiuj de B ĉiam mensogas. Por ekscii en kiu urbo li troviĝas, li devas demandi iun preteriranton. Sciu, cetere, ke la loĝantoj de la menciitaj du urboj ne estas distingeblaj kaj ili libere kaj grand-nombre vizitas la najbaran urbon. Do, kiun solan demandon devas meti la turisto por ekscii, en kiu urbo li troviĝas?



*Respondo: Ĉu vi estas lokano?*

*Ni ekzamenu: Ni supozu, ke la turisto troviĝas en la urbo A. Tiam, se temas pri lokanoj, ili respondas per "jes". Se temas pri loĝantoj de B, alveninta al A, ankaŭ ili respondas per "jes".*

*Se la turisto troviĝas en la urbo B, la respondo de la lokanoj estas "ne", ĉar ili mensogas, dum la respondo de ali-urbanoj, alvenintaj al B, same estas "ne".*

*Sekve, se la turisto ricevos la respondon "jes", li troviĝas en la urbo A, kaj en la urbo B li aŭdas la respondon "ne".*

*Bardhyl Selimi, Albanio*

*paradokso:* opinio ŝajne absurda sed ĝusta

*Burundio:* landeto en Centra Afriko / *gratuli:* bon-deziri al iu pro ties sukceso / *palaco:* luksa domego / *preteksto:* ŝajna kialo kiu malebligas fari ion / *testo:* taskaro por taksi per ĝi ies kapablojn

# Bildoj el la historio de ESPERANTO

## IX. Esperanto en la Granda Milito

Esperanto aperis en la t. n. longa 19-a jarcento, t. e. en la epoko, kiu daŭris de la granda franca revolucio ĝis la unua mondmilito. Post la apero de Esperanto ĝiaj adeptoj revis pri baldaŭa „venko", t. e. ke inter diverslingvanoj la Internacia Lingvo fariĝos fundamenta komunikilo. La esperoj pri rapida „fina venko" iom post iom forvaporiĝis, tamen post 1904 ĝia disvastiĝo esperige daŭris ĝis 1914. Tiam finiĝis „la feliĉa pac-epoko". Ne nur Esperanto, sed multaj aliaj kulturmovadoj kaj agadoj abrupte ĉesis en la somero de 1914.

La Granda Milito – tiel oni nomis la unuan mondmiliton ĝis la dua – frakasis ankaŭ la restintajn esperojn pri baldaŭa venko. Internacia korespondado malfaciliĝis, eĉ tute ĉesis inter „malamikaj landoj" pro cenzuro. Ne okazis la Universala Kongreso en Parizo. Inter la ekvojaĝintaj kongresontoj, kiuj devis returniĝi, estis Zamenhof, kiu apenaŭ sukcesis reveni hejmen.

Pluraj esperantistoj aktiviĝis en la kontraŭmilitaj movadoj. Ekzemple Hector Hodler, la fondinto kaj direktoro de UEA iĝis teoriulo, kiu antaŭvidis la naskiĝontan novan internacian ordon. Pere de la delegita reto de UEA li organizis vastan internacian helpagadon perante korespondaĵojn inter civitanoj de malamikaj landoj. La plenumitaj servoj estis ĉirkaŭ ducent mil. Malgraŭ severaj cirkonstancoj multaj esperantistoj agadis plu por la Internacia Lingvo.

Milionoj iĝis militkaptitoj. Oni sukcesis sendi Esperanto-lernolibretojn al militkaptitoj diversnaciaj. En pluraj militkaptitejoj oni eklernis Esperanton. En rusaj militkaptitejoj de Siberio kune lernis la lingvon diversnaciaj esperantistoj. La etoson de tiuj Esperanto-rondoj bone respegulas la postmilitaj romanoj de Julio Baghy (:Bagi): *Verda Koro*, *Viktimoj* kaj *Sur sanga tero*.

Malgraŭ naciismaj bombastoj la soldatoj sentis la bezonon de paca kunvivado. Sur Adriatiko batalis, ekzemple, la militŝiparo de Aŭstro-Hungara Monarkio. Dum la kvar militjaroj en tiu floto batalis la batalŝipo Zrínyi kun soldatoj kroataj, slovenaj, serbaj, italaj, ĉeĥaj, slovakaj, aŭstraj kaj hungaraj. La komandolingvo estis la germana. En tiu ŝipanaro italo kaj kroato estis esperantistoj. Iom post iom ankaŭ aliaj komencis lerni Esperanton.

Multaj esperantistoj fariĝis militkapt-

itoj. Post la milito la esperantistaj eks-soldatoj kaj eksmilitkaptitoj hejmeniris. Tiuj de la menciita batalŝipo devis reiri en siajn novajn ŝtatojn, kiuj formiĝis post la disdivido de la Monarkio.

# KVIZO-LUDO

**Prizorganto de la rubriko: *Dieter Berndt*, Germanio**

**N-ro 3** (Limdato: 01-03-2009)

| | |
|---|---|
| 1 | Pri kio vi ŝatus legi en Juna Amiko. Nomu tri temojn. |
| 2 | Kia estas tranĉilo? Nomu kvin adjektivojn. *(Miranda, SE)* |
| 3 | Nomu kvin kolorojn kaj fruktojn, kiuj havas tiujn kolorojn. *(Monika Drahotová, CZ)* |
| 4 | Ŝerca demando: Kiu kolo vokas dum printempo en arbaro? |
| 5 | Skribu po du frazojn kun prepozicioj ***por*** kaj ***pro***. |
| 6 | Skribu ok vortojn, kies unua litero estas ***s*** kaj la tria ***l***. |
| 7 | Per ŝanĝo de nur unu litero faru el besto, kiu faligas arbojn, homon, kiu predikas en preĝejo. |
| 8 | Kun ***p*** ĝin uzas la fumanto – Kun ***l*** kisas per ĝi amanto. |
| 9 | En kiu Universala Kongreso – kie kaj kiam – partoprenis la plej multaj personoj? *(Milada Kolářová, CZ)* |
| 10 | Faru vi mem demandon, kiu povos aperi en iu sekva numero.<br>Ne forgesu skribi vian nomon kaj landon! |

La solvojn sendu rete aŭ papere al s-ro *Dieter Berndt* (esperanto-berndt@web.de / Berolinastr. 2, D-10178 Berlina, Germanio). Por vidi viajn poentojn post la limdato, vizitu nian hejmpaĝon: www.junaamiko.inf.hu .

***Solvo de la antaŭa n-ro (septembro 2008), p.39***

**1**. Diversaj. **2**. ...ke li ven**os** sabat**e/on** je la 6-a horo. Li ne havas tiom **da** libroj, **kiom lia** frato. Nia grupo fest**os** morgaŭ **sian** 25-jaran jubile**on**. **3**. Li legis sian (propran) libron. Li legis lian libron (libron de alia viro). **4**. fiakro, fido, figuro **5**. Diversaj. **6**. hirundo, paseroj, korvo al korvo **7**. Diversaj. **8**. murdo – mardo **9**. Amsterdam, kie ĝis nun ne okazis UK. **10**. Diversaj.

***La plej bonajn solvojn sendis:***

*Blanka Hužerova, CZ; Mária Molnár, HU*

# Per biciklo tra Eŭropo


Starto en Veliko Gradište el Serbio al Rumanio

Dezirante iom malkovri diversajn eŭropajn landojn kaj popolojn ni decidis bicikladi de Francio ĝis la Nigra Maro. Ni estas kelkaj paroj da geamikoj, plejparte emeritoj kaj disponis nur pri kvin semajnoj por tiu ambicia projekto. Ni sciis, ke la vojaĝo per biciklo estos longa, sufiĉe laciga, sed ĝi estis promesplena. Ni decidis vojaĝi plej-parte laŭlonge de la fama riverego Danubo. Por tranokti servis junular-gastejoj, kampadejoj aŭ, kiam ne eblis, hoteloj. Bedaŭrinde en nia grupo ne ĉiuj parolis la Internacian Lingvon. Tial ni ne povis uzi la Pasportan Servon*, per kiu esperantistoj proponas tranoktejojn.

En Germanio kaj Aŭstrio ni preskaŭ ĉie havis specialajn vojojn por biciklantoj kaj piedirantoj. En la aliaj landoj ni devis kalkuli pri grava trafiko, aŭtomobiloj, aŭtobusoj kaj tre mult-nombraj kamionoj.

La plej interesaj momentoj de tiu vojaĝo estis renkontoj kun esper-


En Constanta venis helpi s-ino A.Moise (UEA-delegito)

antistoj, bedaŭrinde ne tiom, kiom ni estus dezirintaj pro nia programo. En Linz (Aŭstrio) ni babilis kaj malkovris la urbon kun ĉarma juna viro. Belegan urbon Budapeŝto (Hungario) ni ekkonis ĉiĉeronataj de la redaktoro de Juna Amiko. En tiu urbo ni ankaŭ vizitis la Bibliotekon de Fremdaj Lingvoj kaj la faman Kolekton Fajszi. Ĉarmaj virinoj akceptis nin kaj ĉion klarigis. En Novi Sad (Serbio) ni babilis tutan vesperon kun poeto, tre agrabla viro kaj en Constanţa (Rumanio) vivoplena virino akceptis nin.

Tiuj renkontoj riĉigis nin. Se ni ankoraŭ ne estas konvikitaj pri universala frateco, ni povas tion sperti dank' al nia kara lingvo. Tro ofte ni povas bedaŭri, ke rilatoj konsistas nur en afablaj ridetoj. Sed ne estas bariloj, kiam oni povas interkomunikiĝi, samrange rilati al la aliaj.

*Jean Monique Noel, Francio*

* Pasporta Servo – faciligas internacian vojaĝadon, donante al la uzantoj la eblon senpage tranokti ĉe esperantistoj

*ambicio:* arda deziro atingi ion / *biblioteko:* granda kolekto de libroj / *ĉiĉerono:* gvidisto de turistoj tra vidindaĵoj de urbo, regiono / *disponi:* havi por ion plenumi / *emerito:* pensiulo, salajrulo super 60-65 jaraĝo / *kamiono:* ŝarĝ-aŭtego / *projekto:* plano proponata por efektivigi / *universala:* tia, ke ĝi koncernas ĉiujn.

## Frandaj esprimoj kun ORELO

**streĉi / akrigi la orelojn** *ekatenti*
**esti nurnura orelo kaj atento** *treege atenti*
**orelojn li / ŝi havas, sed ne aŭdas**
**tra unu orelo eniras, tra la dua eliras** *ne atenti*
**diri en ies orelon** *sekrete diri*
**havi mal/bonan orelon** *mal/bone aŭdi*
**la muro havas orelojn** *iu subaŭskultas*
**tiri al iu la orelon** *riproĉeti al iu*
**tiu muziko tranĉas la orelojn** *ĝi ne plaĉas*
**orelkaresa / orelflata melodio** *tre plaĉa melodio*
**havi muzik-surdajn orelojn** *ne havi deziron pri muziko*
**aŭdi ion nur unuorele** *ne esti certa pri la informo*
**buŝa kaj orela literaturo** *popola, ne surpaperigita*
**Juĝanto devas havi du orelojn.** *Oni devas aŭskulti ambaŭ opiniojn.*
**Ne kriu! Vi traboras al mi la orelojn.** *Parolu malpli laŭte!*
**Malsata stomako orelon ne havas.** *Malsatulo ne aŭskultas argumentojn.*
**lasi la parolon preter siaj oreloj** *ne atenti pri ies vortoj*
**ne kredi al siaj oreloj** *tre dubi pri io*




# Legindaĵo

En la lasta tempo aperis nova libro tradukita en Esperanton: ***Paolo, la lernanto de Leonardo da Vinĉi***. Verkis ĝin nederlandano *Hans Ulrich*. La originalo aperis en la nederlanda, kaj poste *Benata Hengstmengel-Koopmans*, nederlanda esperantistino, tradukis ĝin en nian lingvon. Ŝi rakontas, ke ŝi faris tion ĉar la libro tre plaĉis al ŝi, kaj ŝi kredas, ke ankaŭ junaj esperantistoj amos ĝin.

La libron eldonis KAVA-PECH. Ilustris ĝin *Miroslava Tomečková* (:Tomeĉkovaa).

En la libro oni legas pri knabo Paolo, kiu vivis antaŭ 500 jaroj en malriĉa familio de la itala urbo Florenco. La vivo tiam estis tre malfacila, okazis bataloj, la vivon akompanis suferado, malsanoj, sed ankaŭ florado de artoj.

Paolo estis helpanto de la fama genia artisto kaj sciencisto Leonardo da Vinĉi. Li estis tre fantaziema, scivola, interesa knabo. Li enamiĝis al knabino Giraga, kiu laboris kiel sklavino ĉe unu el la plej riĉaj familioj de la urbo.

La libro ne estas facila, sed la historio estas tre interesa kaj streĉa.. La leganto ne povas ne ami la multe suferantan kaj multe revantan knabon Paolo kaj ne povas ne plu legi en la mezo de la rakonto pro la deziro scii, kio okazos al li ĉe la fino...

Mi rekomendas la libron al knaboj kaj knabinoj kaj ankaŭ al aliaj.

*Josef Shemer, Israelo*

***La libro mendeblas:***

1. *per retletero kun via mendo al <benata@zonnet.nl>, samtempe pagante 15 € (9,90 € ekskluzive sendokostojn) al nederlanda Poŝtbanka konto 2698936, nome de R.M.B. Hengstmengel-Koopmans en Leiden.*
2. *per letero al Benata Hengstmengel-Koopmans, Vendelstraat 10, NL-2316 XP Leiden, kun aldono de 15 € en monbiletoj en la koverto.*
3. *per mendo ĉe la Libroservo de UEA, kostoj 10,50 € (ekskluzive sendokostojn).*

# Interkonsento

## Inkaa legendo

Legendo rakontas, ke en fora tempo vivis maljuna pumo, kiu estis preskaŭ surda kaj blinda. Ĝi aŭdis preskaŭ neniom kaj vidis nur tion, kio estis tute proksima. En la ĝangalo vivis ankaŭ sujuntujo, parenco de korvo, kiu ne povis sin nutri, ĉar ĝi havis rompitan kruron. Tiam la pumo proponis:

*„Amiko sujuntujo, ni faru interkonsenton pri reciproka helpo. Ĉar vi havas bonan vid-povon, vi avertos min pri danĝero, kaj mi nutros vin."*

*„Bona ideo!"* gaje ekkriis la sujuntujo.

Komence ĉiu plenumis sian interkonsenton. Sed poste, la pumo forgesis sian promeson kaj nenion donis al sia amiko, kiu diris:

*„Pumo, vi devas plenumi vian parton de la interkonsento!"*

*„Ĉu vi freneziĝis? Mi memoras pri nenia interkonsento!"* diris kolere la pumo, kaj daŭrigis vori sian kaptaĵon.

La sujuntujo fariĝis malfeliĉa pro la respondo de la pumo kaj pensis: Kun egoistoj ne eblas fari interkonsentojn, kaj trenante sian krureton, ĝi atingis branĉeton.



Minuton poste alvenis ĉasisto al la ĝangalo, portante reton. La sujuntujo silentis. Kaj huj! La pumo sidis kaptita en la reto. Ĝi kolere insultis sian amikon:

*„Malbona amiko, vi ne plenumis vian vorton!"*

*„Kion vi diras? Vi bone scias, ke mi plenumis mian vorton, sed ĉar vi ne nutris min, mi perdis mian vid-povon. Ĉu vi komprenas nun?"*

Elhispanigita de *Josefo de Jesús Campos Pacheco,* Kubo

*ĝangalo:* praarbaro / *inkao:* popolo en Sud-Ameriko / *legendo:* rakonto pri malnovega okazintaĵo / *pumo:* besto (vidu la bildon) / *sujuntujo:* birdo (vidu la bildon) / *vori:* manĝegi

***Solvo de testo sur paĝo 49:***

*1 – al-, 2 – en-, 3 – preter-, 4 – sur-, 5 – post-, 6 – el-, 7 – al-, 8 – sur-, 9 – trans-, 10 – tra-/el-, 11 – ĉirkaŭ-, 12 – de-, 13 – kun-, 14 – antaŭ-, 15 – kontraŭ-, 16 – pri-*

# Konversaciaj temoj

help-materialo por ekzamenotoj

Rubrikestro: Judit Felszeghy

## I. Kiujn inviti ?

– Kisojn, mia amata Maria, jen mi alportis la menditajn invitilojn por la geedziĝa festo. Ĉu vi tamen ne eraris rilate la kvanton? Vi mendis 300, anstataŭ 30.
– Saluton, mia kara! Mi certe ne eraris. Ho, belaj ili estas, ni jam hodiaŭ povos adresi kaj morgaŭ dissendi ilin!
– Sed, plej dolĉa mia... vi ja diris, ke ni invitos nur la plej proksimajn parencojn kaj malvastan rondon de nia amikaro...
– Kompreneble, kara! Jen 102 por niaj gepatroj, por mia fratino kaj ŝiaj edzo kaj gefiloj, por viaj gefratoj, kaj por iliaj familianoj, por onklino Anna, ŝi certe venos kun siaj filinoj kaj kun la edzo kaj la amikoj de la filinoj...
– Pardonu, mia ora birdeto... kiu estas onklino Anna?
– Dolĉa, ŝi estas la pli aĝa fratino de mia patrino, kiun ni jam renkontis ĉe miaj gepatroj! Ŝi estis tie kun onklo Ludoviko, vi ja certe rememoras, ke onklo Ludoviko estas la malpli aĝa frato de panjo, kun jam grizeta hararo, sed li ankoraŭ aspektas tute juneca, antaŭ du jaroj li divorcis, kaj lastjare li edzinigis al si Karlan, belan, altstaturan, sveltan virinon... Do tiuj 78 invitiloj estos sendotaj al miaj gekuzoj, tiuj 5 al Peĉjo, al lia nova amikino, kaj ...
– Sed, karulino mia... mi eĉ ne konas persone vian kuzon Peĉjon, same ne lian novan amikinon, kaj mi ĝis nun eĉ ne aŭdis pri...
– Kara mia, la geedziĝa festo estos la plej taŭga evento por konatiĝi kun ili, kaj ĝui agrablan familian etoson!

## II. Lastmomente...

– Dolĉa mia, ĉu vi jam surmetis vian geedziĝan robon? La taksio nun alvenis, post 15 minutoj ni devos esti jam en la preĝejo!
– Jes, mia kara, nur mi iom ŝminkas min... ĝis tiam, karulo, sidiĝu en la taksion, kaj alportu la menditan florbukedon!
– Sed, dolĉulino, mi pensis, ke la florbukedon alportos Johano, ja li ŝoforas propran aŭton ...
– Ne, mia kara, ĉar mi komisiis lin alporti la torton, kaj poste veturigi la geavojn al la preĝejo...
– Do, bone... sed mi ja konsideris, ke la geavojn veturigos la frato de via panjo, ja ankaŭ li alvenos per personaŭto, kaj ili ja kune loĝas...
– Jes, fakte estis planite tiel, sed mi ĵus petis lin kuri al la restoracio, konfirmi la festan menuon, kaj akcepti la alvenantajn gastojn tie.
– Ha, mi komprenas... sed ĉu ne estis tiel priparolite, ke via fratino kaj ŝia edzo

akceptos la gastojn...?

– Jes, tamen nun la fratino ordigas mian frizaĵon, dum ŝia edzo devas iom ripari ŝian ŝuon, alĝustigi la kalkanumon, ĉar ĝi intertempe rompiĝis...

## III. Dum la ceremonio

– Ho, kiel bona muziko! Kaj, rigardu, nun la geedziĝontoj enmarŝas....! Maria surhavas belegan robon, tamen, laŭ mi la dekoltaĵo estas iom troa por fianĉino... Mi kortuŝiĝas, kaj rememoras pri nia preĝeja geedziĝo antaŭ 25 jaroj...

– Aŭskultu, nun la paro estas demandata, ĉu ili por ĉiam amos unu la alian, kaj ĉu ili restos fidelaj ĝistombe...

– Jes, neforgeseblaj momentoj! Kiam vi edzinigis min al vi, surmetonte la ringon sur mian fingron, vi faletigis ĝin, kaj via atestanto kliniĝis por trovi la ringon.

– Ne, estis ne mi, sed vi, kiu ne sukcesis surmeti la ringon sur mian fingron, kaj mi surgenuiĝis, kaj trovis la ringon ĉe la piedo de la pastro!

– Nun ili interkisadas.... Kiel ĉarme, ke la fianĉo nun kisas al ŝi ankaŭ la manon!

– Tre bela, solena ceremonio estis! Ni iru al la juna geedza paro por gratuli ilin!

## TASKOJ

*Esprimu per unu vorto la sekvajn parencojn: patron de via patro; fratinon de via edzo; fraton de via patro; filon de la fratino de via patrino; edzon de via fratino; filinon de via fratino;*

*Vicigu la anojn de via parencaro: difinu, kiuj ili estas.*

*Skribu invitilon por geedziĝa festo, kun kaj sen posta restoracia aŭ hejma solena manĝado. Vicigu, kiujn taskojn akceptis la parencoj por plenumi antaŭ la geedziĝo. Kiuj farendaĵoj estas kutime plenumeblaj por okazigi geedziĝan feston. Priskribu, kiel aspektas fianĉina kaj fianĉa kostumoj en via lando.*

*Rakontu pri geedziĝaj kutimoj vialande!*



# LINGVA DOKTORO

H

## Sensubjektaj frazoj

Simpla frazo konsistas el du partoj: *subjekto* (tio, pri kio oni konstatas ion) kaj *predikato* (tio, kion oni konstatas pri io). Ekzemple:

*La lasta programo* **estis tre interesa**. *Kriemaj infanoj* **ludas futbalon en la korto**.

Strikte nur la substrekitaj frazeroj estas gramatike subjektoj kaj predikatoj. Se iu el ili mankas (aŭ ne estas subkomprenebla) la frazo ne havas sencon.

Malgraŭ tio, en certaj, sufiĉe oftaj situacioj povas okazi, ke mankas iu ĉefa elemento. Prezentu al vi, ekzemple, ke patrino ĵus faris teon. Ŝia filo paŝas al la tasoj kaj estas prenonta unu el ili. La patrino krie diras: „Varmega!" Ĉiu komprenas la frazon, ĉar laŭ la situacio la vorto „varmega" kompletiĝas per „la taso estas…". Se oni ne povas kompletigi la aŭditan vorton, la esenco restas kaŝita, malgraŭ ke vi konas la vorton. Prezentu al vi, ekzemple, ke du knaboj preteriras vin, kaj vi klare aŭdas la vorton „varmega", tamen vi esence nenion komprenas.

A) La situacio estas alia, kiam la instruisto en la klasĉambro laŭte diras: „Silenti!" Ĉiuj scias (malgraŭ tio, ke mankas la subjekto de la frazo), ke tio estas ordono, kion *la lernantoj* devas plenumi. Similaj sensubjektaj ordonoj: „Ekiri!" „Halti!" „Nu, paroli!" „Manĝi! Manĝi!" „Ne kraĉi sur la plankon!" …

Ankaŭ en frazoj kiel: *Fermu la pordon. Ne babilaĉu. Bonvolu helpi al mi…* formale mankas la subjekto, tamen mi ne konsideras ilin sensubjektaj frazoj. Kial? Tial, ke sistemo, en kiu nur unu elemento ne havas apartan distingan signon (ĉi-kaze nur la 2a persono), la koncerna formo havas klaran distingilon, nome: 0 = vi.

B) Per sensubjektaj frazoj oni povas esprimi hezitemon, necertecon de la parolanto: *Kion respondi al vi? Ĉu paroli aŭ silenti? Eva, ĉu aĉeti tiun bluzon, kion vi opinias? Ĉu esti aŭ ne esti?*

C) En la tria grupo (meteologiaj esprimoj) oni fakte malfacile povas trovi gramatikan subjekton: *Pluvas. Neĝas. Ventas. Hajlas. Fulmas. Sunas* …Kiel ili ekestis? Logike ili certe kurtiĝis el jenaj frazoj: *Pluvo pluvas. Neĝo neĝas…* sed ĉar povas pluvi nur pluvo, neĝi nur neĝo, ktp. estas superflue (kaj stile terure!) ripeti la saman vorton. Sed se hazarde (el ĉ. cent fojoj unu) ne pluvo pluvas, oni nepre devas elmeti la subjekton kiel en la sekvaj frazoj: *Konfetoj pluvis en la salono dum la balo. Ŝtonetoj hajlis sur la trotuaro. Aŭtunaj folioj neĝis en la parko. Ŝiaj okuloj fulmis pro kolero.*

Resume oni povas diri, ke frazo estas klara nur, se neniu el la ĉefelementoj (subjekto, predikato) mankas.

*Kontrolu vian lingvoscion!*

# TESTO

**Uzu la donitajn prepoziciojn kiel prefiksojn en la suba teksto.**

Ekzemploj: ***sub**skribi, **en**iri, **pri**labori*, ktp.

Post du horoj da veturado per aŭtomobilo ni (1)venis al nia ripozdometo sur la bordo de rivereto. Malŝlosinte la pordon ni rapide (2)iris. Mi tuj malfermis la fenestron kaj vidis (3)kuri du ĉarmajn katetojn. Unu el ili (4)grimpis la apudan arbon, la alia (5)sekvis por kapti kaj ludi kun ĝi. Eva, mia filineto, kiu tre amas la katojn tuj (6)ĵetis al ili tra la fenestro sian sandviĉon. Ili ambaŭ (7)kuris kaj sin ĵetis sur la kolbason de la sandviĉo. Kiam mi turnis min, antaŭ mi staris la fileto, Joĉjo, kiu jam (8)havis bankalsonon kaj estis preta (9)naĝi la rivereton por viziti sian bonan amikon, kiu loĝas en belega domo kontraŭ ni, sur la alia bordo. Kiam mi kapjesis, li kvazaŭ (10)rompis la pordon kurante eksteren. La pordofrapon sekvis granda bruo. Kio okazis? Mi (11)rigardis kaj vidis ke (12)falis la florvazo, kiu antaŭe staris sur la breto. Mi (13)balais la rompitaĵojn kaj ŝutis ilin en la duonplenan rubujon. Hejme mi (14)vidis trankvilan semajnon, kaj jen, jam la unua horo (15)diras miajn esperojn. La infanoj ĝuas la liberecon, sed kiu (16)servos min?

**al**, **antaŭ**, **ĉirkaŭ**, **de**, **el**, **en**, **kontraŭ**, **kun**, **post**, **preter**, **pri**, **sur**, **tra**, **trans**

*Solvoj sur paĝo 45*

Sed tio ne signifas, ke en certa situacio formale ne povas foresti tiu aŭ alia elemento, se oni povas kompletigi la mankanta(j)n elemento(j)n (laŭ la antaŭaj frazoj aŭ la konkreta situacio helpas).

Mi aparte atentigas pri kurtaj informoj sur pordoj: FERMITA, MALFERMITA, ŜLOSITA. Ĉiam uzu **-a**-finaĵon, malgraŭ ke formale mankas gramatika subjekto, sed ĉiu subkomprenas, ke tio estas la **pordo**, sur kiu pendas la surskribo.

*Geza Kurucz*



# Tago de lingvoj en pola lernejo

Kiom da lingvoj vi parolas, tiom da homoj vi valoras – tiel diras la proverbo.

Gelernantoj de elementa lernejo n-ro 2 en Gubin jam dua-foje aliĝis al Tago de Lingvoj por festi ĝin. Ni registrigis la planon de nia agado en la paĝaro de Konsilio de Eŭropo, kiel unu el 22 en Pollando (en la mondo estis 550 registritaj). „**Ŝipo de Lingvoj**" – tiel nomiĝis nia prezentado.

Kial?

Ĉar al nia lernejo alnaĝis granda ŝipo kun flagoj ornamitaj per nomoj de diversaj lingvoj: Esperanto, pola, germana, hispana, ĉeĥa ... Sur la ferdeko etaĝiĝis koloraj vortaroj, kiujn antaŭe preparis gelernantoj. Ne mankis Esperanta, eĉ ĉina kaj japana. Dum la longa lerneja paŭzo infanoj de Esperanto-rondo „Verdaj Papilietoj" pasie kantis „Dek esperantaj infanetoj...". La kanzonon ili ellernis dum printempa „Fringoj"* en Francio.

Poste, kun aliaj gelernantoj, ili kantis ankaŭ germane. Ĉi tiujn du lingvojn oni povas ekkoni en nia lernejo. Baldaŭ, per kompetencoj en lingvoj, la mondo ne havos sekretojn antaŭ ili!

*Krystyna Worobiej*

*Fringoj – **F**esta **R**enkonto **IN**ternacia de **G**eknab**OJ**

*konsilio:* gvida decida organo
*ferdeko:* planko de ŝipo super la kavo
*paŭzo:* nelonga interrompo de agado
*papilio:* insekto kun kvar koloraj flugiloj
*pasio:* forta deziro, amo al ...
*kanzono:* kantebla versaĵo




# Lingvoŝipo de amikeco

